# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio.
Numero 374, januaro-februaro, 2006.
57a jarkolekto.

REDAKTISTO
Manuel Pancorbo

KUNLABORINTOJ
Salvador Aragaj, Toño del Barrio, E. Ellemberg, Jesús Iturrioz, Pedro Hernández, Arturo Jiménez, V. M. Macías, Manuel Parra, Vanja Radovanovic, Darío Rodríguez, J.M. Rodríguez, Lupe Sanz, Pedro Sanz, M.A Sancho, Luis Serrano, Rafaela Urueña.

ELDONAS
Hispana Esperanto-Federacio
C/ Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 Madrid
Telefono kaj faksilo: +34 914 468 079
☞ www.esperanto-es.net
admin@esperanto.es
Banko-konto (BBVA):
0182-1252-31-0204011961

ESTRARO
PREZIDANTO: Augusto Casquero
VICPREZIDANTO: Lupe Sanz
SEKRETARIO: Carmen Suárez
KASISTO: Pedro Garrote
BULTENREDAKTISTO: Manuel Pancorbo
VOĈDONANTO: Luis Hernández
VOĈDONANTO: José María Galofré

SENDU VIAJN KONTRIBUOJN AL
C/ Molino de la Navata 7, 4ºB
ES-28420 Galapagar (Madrid)
bulteno@esperanto.es





Presejo *Gráficas Aurora*, Zaragoza
Leĝa deponnumero: Z-334-90
Kompostita per programo *Scribus* laŭ GPL-licenco


## *El la redakcio*

# Eksterordinara asembleo

Kun malfruo, alvenas nova numero de Boletín. Plej elstare, mi deziras atentigi pri la alvoko kiun vi trovos sur la paĝo 5 pri **eksterordinara ĝenerala kunveno** okazonta en Valencio por aprobi la kontojn de 2005. Alia bona novaĵo estas ke la **65a Hispana Esperanto-Kongreso** antaŭeniras; ĝi okazos en valencia vilaĝo El Puig (vd. formulilojn fine de la bulteno). Kaj, fine, atentu ke la retadresoj de HEF ŝanĝiĝis aŭ ŝanĝiĝos! Tio estas lastminuta informo el freŝaj estrar-kunvenoj; la novaj retpoŝtoj uzos la retdomajnon "esperanto.es" kaj jam efektiviĝis la ŝanĝoj en la gravaj retadresoj de tiu ĉi bulteno kaj de la administranto (vd. la retadresojn sur apuda kolofono kaj sur paĝo 2).

Krom tiuj grava novaĵoj, tiu ĉi numero de **Boletín** raportas pri la celebradoj de la zamenhof-festo tra la tuta hispana esperantujo. Aliaj gravaj agadoj rilatas al donacoj de esperantaj *Donkiĥotoj* al bibliotekoj, kiuj estas priraportataj ĉi tie; tiuj aktivaĵoj ŝuldiĝas al konstanta elano de Fundación Esperanto kaj ties Direktoro, Toño del Barrio, kiu komencas trabori la granitan monton de la ĝenerala movadana pigremo.

Estas kutima trarigardo de eĥoj de esperanto en nacilingva gazetaro kaj amasmediaro; informo pri interesaj renkontiĝoj. Kaj, fine, la redakcio alprenis kelkajn novaĵojn el UEA —menciindas la deklaro okaze de la Tago de la Gepatra Lingvo— kaj eĥojn de la agado de Eŭropa Esperanto-Unio, kiu iom ŝoke, deziras kantigi la eŭropan himnon latine kaj esperante!

Mi deziras ke tiuj ĉi temoj plezurigos al vi la legadon. Ĝis venonta numero!

**MANUEL PANCORBO**
**Ĉefredaktisto**

# Enhavo





**Sur la kovrilo** *La atendata libro* Donkiĥoto parolas esperanton *resumo de la agado de HEF por la kiĥota jaro, per la projekto* Kiĥoto 2005*, jam eblas aĉeti. Informiĝu en paĝo 14.*

## Vian atenton!



**Eksterordinara Ĝenerala Kunveno**

Informo sur paĝoj 5-8



Retpoŝtoj de HEF ŝanĝiĝis!

**Boletín**
**bulteno@esperanto.es**

Ĉefa retpoŝto
**admin@esperanto.es**

# Optimisma letero al komitatanoj

**La Ĝenerala Direktoro de UEA, Osmo Buller, sendis jenan leteron al UEA-komitatanoj komence de la jaro. Pro ĝia optimisma kaj esperiga enhavo, la redaktisto konsideras tre oportuna ĝian aperigon en la loko de komento kiun kutime faras iu HEF-estrarano.**



Karaj komitatanoj,

Ni komencu la novan jaron per bonaj novaĵoj. La statistiko de la 31-a de decembro montras, ke en tiu tago UEA havis 6083 individuajn membrojn, kio superas per 227 la definitivan nombron (5856) en la antaŭa jaro. En la aprila numero de *Esperanto* aperos laŭlanda membrostatistiko, kiun mi kompilos komence de marto. Ĝis tiam ankoraŭ venos iom da malfruaj kotizpagoj por 2005, tiel ke la definitiva nombro verŝajne estos ĉ. 6100 kaj la kresko ĉ. 250.

Ankaŭ la aligitaj membroj plimultiĝis en 2005. Estis 12253 aligitaj membroj, kio signifas kreskon de 105 kompare kun 2004, kiam ili nombris 12148. Depende de la fina nombro de individuaj membroj, la suma membronombro de UEA en 2005 estas ĉ. 18350. En 2004 ĝi estis 18004.

En 2005 la membraro de UEA kreskiĝis por tria sinsekva jaro. Espereble la kre ko plu daŭros. Almenaŭ la komenco estas esperiga, ĉar ĝis la fino de 2005 la CO registris jam 1980 individuajn membrojn por 2006. Fine de 2004 tiu nombro por 2005 estis 1768, tiel ke jam ĉe la starto ni avancas je 212 membroj kompare kun la antaŭa jaro. Iom fidindajn prognozojn pri membrara evoluo eblos tamen fari plej frue en marto-aprilo. Dependos ankaŭ de vi, komitatanoj, ke post unu jaro ni denove saldos la membrostatistikon pozitive.

En 2005 la membraro de UEA kreskiĝis por tria sinsekva jaro. Espereble la kresko plu daŭros.

Osmo Buller

# Lastaj estrar-kunsidoj de 2005

GUADALUPE SANZ

La 8an kaj 26an de decembro de 2005 kelkaj estraranoj kunvenis kun aliaj aktivuloj de HEF —inter ili menciindas José Rodríguez, nome de HEJS—, por kunordigi la venontjaran agadon. Jen ĉerpaĵo de prenitaj decidoj.

## Fino de la subvencioj

Jam estas sciate ke la libro "Don Quijote parolas esperanton" reprezentas la ĉefan elspezon de la subvencioj kiun donis la Ministrejo pri Kulturo al "Fundación Esperanto", okaze del kiĥota jaro 2005. Ĉar la efektiva eldono ne okazos ĝis la 31a de januaro de 2006, oni decidis tamen pagi la koston en 2005 por enbuĝetigi ĝin kadre de la subvencioj.

Samcele, HEF ankaŭ antaŭaĉetos poŝtmarkojn kaj plurajn ekzemplerojn de la libro "El hombre que desafió a Babel".

Estas rezervitaj 300 € por esperablaj lastminutaj donacoj de "Donkiĥotoj" al bibliotekoj, ktp.

## Buĝeto por 2006

Oni interkonsentis buĝeton de 12000 eŭrojn por la jaro 2006. Inter la elspezoj, menciindas rezervo de 2000 € por eblaj devigaj plibonigaĵoj de la domo kie situas HEF-oficejo (strato Rodríguez de San Pedro, numero 13, en Madrido). Estas ankaŭ buĝetita kvanto da 500 € por HEJS, surbaze de konkretaj kaj seriozaj projektoj.

## Agadplano

La partopreno en foiro "Expolingua" dependos de alloga oferto de organizantoj, sed principe ni rezignos je ĝi.

Estos esplorataj novaj vojoj por eldoni nian bultenon, "Boletín", inter ili, kontakti alian presejon por plibonigi ĝian kvaliton, ĉar la nuna presejo ne tro lerte pritraktas ciferecajn dosierojn.

Pliintensiĝos la kontaktoj kun hispanaj grupoj kaj kun portugala, franca kaj sudamerikaj naciaj asocioj.

La retejo de HEF estos reformita kaj oni kreos apartan retportalon kun hispanlingva informo sub la ĵus atingita domajno "esperanto.es" (vd. apudan kadron).

La hispana kongreso okazos en vilaĝo El Puig, proksima al Valencio, inter la 21a kaj 25a de julio 2006. Plia informo en tiu ĉi numero de **Boletín** kaj aliĝilon vi trovos en la lasta paĝo.

## esperanto.es

La retdomajno ESPERANTO.ES finfine estas sub la kontrolo de HEF danke al perado de samideano **Antonio Rey**, kies agadon HEF varme dankas.

La portalo stariĝonta sub ĝi celos hispanlingvan publikon kaj havos, do, propagandan efikon.

Ĝi estos dediĉita al la instruistoj de la **Liceo de Callosa de Segura**, Alakanto, kiuj antaŭ dudek jaroj faris multe da esperantistoj per sia perkoresponda kurso. Danke al ili, *la akvo estas abunda, la abelo produktas mielon, la ĉielo estas blua*.

MIGUEL ÁNGEL SANCHO

# Eksterordinara Kunveno
# Asamblea Extraordinaria




## Esperanto

La Prezidanto de la Hispana Esperanto-Federacio, S-ro Augusto Casquero, alvokas vin ĉeesti Eksterordinaran Ĝeneralan Kunvenon, kiu okazos la **14 an de majo** de 2006 (dimanĉe), je la 10:00 horo (je la 10:30 horo en dua alvoko) en la sidejo de la Esperanto-Grupo de Valencio, Avda. Peris i Valero 96-5º (Valencio) laŭ la jena tagordo, kun du unikaj punktoj:

1.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2005

2.- Sugestoj kaj demandoj

Por via informo, la spez-raporto kaj kas-bilanco de la jaro 2005 estas kunsendataj (vd. paĝojn 6, 7, 8).

## Español

El Presidente de la Federación Española de Esperanto, D. Augusto Casquero, le convoca a una Asamblea General Extraordinaria que tendrá lugar el domingo **14 de mayo** de 2006, a las 10:00h ( a las 10:30 en segunda convocatoria), en la sede del Grupo Esperanto de Valencia, Avda. Peris i Valero 96-5º (Valencia) según el siguiente orden del dia con dos únicos puntos:

1.- Aprobación de las cuentas y estado de Tesorería de 2005

2.- Ruegos y preguntas

Para su información, le adjunto el informe de gastos e ingresos de 2005, así como el balance de Tesorería (ver pags. 6, 7, 8).

**AUGUSTO CASQUERO**
**Prezidanto**

## Parolas la kasisto

Por ke oni komprenu iomete pli bone la kontojn, vi aldonas la jeron:

1. Ĉi-jare HEF atingis du subvenciojn, kies monon HEF investis en la projekto *Kiĥoto 2005*. Ĉiuj fakturoj estis liveritaj al la Ministrejo pri Kulturo, por pravigi la elspezojn kaj tiel kvitanci la enspezon. Tio klarigas la grandon de la elspezoj kaj enspezoj por 2005.

La estraro dankas la grandan laboron faritan de Toño del Barrio por atingi ambau subvenciojn.

2. Spite la granda kvanton atingitan, la membraro nombras same kiel la pasintaj jaroj. Nur 265 membroj (unuopuloj, asocioj, grupoj) pagas la jaran kotizon. Mi konsideras ke la membraro estas tre malalta kaj HEF, la grupoj, kaj la unuopuloj devas strebi varbadon de novaj membroj.

**PEDRO GARROTE**
**Kasisto**

CUENTA DE PERDIDAS y GANANCIAS
FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO 2005

D E B E (€)

| | EJERCICIO 05 | EJERCICIO 04 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 20.932,86 | 9.450,55 |
| A2. Aprovisionamientos | 228,79 | 1.243,92 |
| a) Consumo de mercaderías | 228,79 | 1.243,92 |
| 600. COMPRAS DE MERCADERIAS (LIBROS) | 1.375,28 | 822,00 |
| 610. VAR. EXIST. DE MERCADERIAS (LIBROS) | -1.146,49 | 421,92 |
| A4. Dotaciones para amortizaciones de inmovilizado | 477,00 | 477,00 |
| 682. AMORT. DEL INMOV. MATERIAL | 477,00 | 477,00 |
| A6. Otros gastos de explotación | 19.782,07 | 7.629,63 |
| a) Servicios exteriores | 19.455,07 | 7.267,63 |
| 622. REPARACIONES Y CONSERVACION | 0,00 | 8,80 |
| 623. SERVICIOS DE PROF. INDEPENDIENTES | 543,23 | 243,60 |
| 625. PRIMAS DE SEGUROS | 70,26 | 64,62 |
| 626. SERVICIOS BANCARIOS Y SIMILARES | 277,46 | 251,39 |
| 627. PUBLICIDAD, BOLETIN, EXPO,. | 5.257,49 | 3.614,86 |
| 628. SUMINISTROS (Luz, telef. Internet,) | 1.127,78 | 1.242,30 |
| 629. OTROS SERVICIOS (Congr. Concur. Dibuj, libroetc). | 12.178,85 | 1.842,06 |
| c) Otros gastos de gestión corriente | 327,00 | 362,00 |
| 655. Perdidas de cuotas incobrables | 327,00 | 362,00 |
| AI. BENEFICIOS DE EXPLOTACION | 1.107,85 | 2.692,22 |
| AIII. BENEF. ACTIVIDADES ORDINARIAS | 1.107,85 | 2.692,22 |
| A13. Gastos extraordinarios | 445,00 | 100,00 |
| 6780. GASTOS POR LA INTRODUCCION DEL EURO | 0,00 | 100,00 |
| 6781. OTROS GASTOS EXTRAORDINARIOS | 445,00 | 0,00 |
| AIV. RESULT. EXTRAORDINARIOS POSITIVOS | 0,00 | 117,00 |
| AV. BENEFICIOS ANTES DE IMPUESTOS | 662,85 | 2.809,22 |
| AVI. RESULTADOS DEL EJERCICIO (BENEFICIOS). | 662,85 | 2.809,22 |

H A B E R (€)

| | EJERCICIO 05 | EJERCICIO 04 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS | 21.595,71 | 12.259,77 |
| B1. Importe neto de la cifra de negocios | 10.359,59 | 11.807,42 |
| a) Ventas (LIBROS) | 1.326,82 | 2.370,22 |
| 700. VENTAS DE MERCADERIAS (LIBROS) | 1.326,82 | 2.370,22 |
| b) Prestaciones de servicios | 9.032,77 | 9.437,20 |
| 705. PRESTACIONES DE SERVICIOS | 3,80 | 5,70 |
| 720. CUOTAS DE USUARIOS | 117,46 | 110,80 |
| 721. CUOTAS DE AFILIADOS | 8.470,70 | 8.173,30 |
| 723. INGRESOS COLABORAC. CONGREOS | 150,00 | 150,00 |
| 726. DONACIONES DE SOCIOS | 290,81 | 997,40 |
| B4. Otros ingresos de explotación | 11.236,12 | 235,35 |
| a) Ingresos accesorios y otros de gestión corriente | 2.236,12 | 235,35 |
| 759. INGRESOS POR SERVICIOS DIVERSOS | 2.236,12 | 235,35 |
| b) Subvenciones | 9.000,00 | 0,00 |
| 740. SUBV. OFICIALES A LA EXPLOTACION | 9.000,00 | 0,00 |
| BIII. PERDIDAS DE LAS ACTIVIDADES ORDINARIAS | 0,00 | 0,00 |
| B12. Ingresos extraordinarios | 0,00 | 217,00 |
| 778. INGRESOS EXTRAORDINARIOS | 0,00 | 217,00 |
| BIV. RESULTADOS EXTRAORDINARIOS NEGATIVOS | 445,00 | 0,00 |

BALANCE DE SITUACION
FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO 2005

A C T I V O (€)

| | EJERCICIO 05 | EJERCICIO 04 |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 63.328,60 | 63.805,60 |
| II. Inmovilizaciones inmateriales | 768,60 | 768,60 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 768,60 | 768,60 |
| 215. APLICACIONES INFORMATICAS | 768,60 | 768,60 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 62.560,00 | 63.037,00 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 221. CONSTRUCCIONES | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 8.365,99 | 8.365,99 |
| 225. MOBILIARIO | 2.176,44 | 2.176,44 |
| 226. EQUIPOS PARA PROCESOS DE INFROMACION | 6.189,55 | 6.189,55 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales en curso | 2.272,70 | 2.272,70 |
| 232. BIBLIOTECA | 2.272,70 | 2.272,70 |

7. Amortizaciones..................-8.179,90.......-7.702,90
282. AMORT. ACUM. INMOVILIZADO
MATERIAL...................-8.179,90.......-7.702,90

D) ACTIVO CIRCULANTE.....................15.558,70.......14.379,23
II. Existencias........................2.711,73........1.565,24
1. Comerciales.....................2.711,73........1.565,24
300. MERCADERIAS (LIBROS
PARA VENDER)................2.711,73........1.565,24
III. Deudores............................755,78..........954,04
4. Deudores varios...................755,78..........954,04
440. DEUDORES......................60,10..........128,86
447. PATROCINADORES AFILIADOS
Y OTROS......................-95,00.........-645,00
553. C. C. CON SOCIOS Y
ADMINISTRADORES...............790,68........1.470,18
VI. Tesorería........................12.019,79.......11.789,69
570. CAJA EUROS.......................21,94..........811,05
572. BANCOS E INST. DE CREDITO
C.C. VISTA...................11.997,85.......10.978,64
VII. Ajustes por periodificación..........71,40...........70,26
480. GASTOS ANTICIPADOS...............71,40...........70,26

TOTAL ACTIVO...........................78.887,30.......78.184,83

P A S I V O (€)

EJERCICIO 05 EJERCICIO 04

A) FONDOS PROPIOS........................78.809,68.......78.146,83
I. Capital suscrito..................78.146,83.......75.337,61
101. FONDO SOCIAL..................78.146,83.......75.337,61
VI. Pérdidas y ganancias
(Beneficio o Pérdida)...............662,85........2.809,22
129. PERDIDAS Y GANANCIAS.............662,85........2.809,22

E) ACREEDORES A CORTO PLAZO.................77,62...........38,00
IV. Acreedores comerciales................77,62...........38,00
2. Deudas por compras o
prestaciones de servicios...........77,62...........38,00
410. ACREDORES POR PRESTA-
CIONES DE SERVICIOS............77,62............0,00
419. ACREEDORES POR OPERA-
CIONES EN COMUN.................0,00...........38,00

TOTAL PASIVO...........................78.887,30.......78.184,83




**Bankedoj, renkontiĝoj, festoj... per tiaj tradiciaj manieroj diversaj grupoj celebris la naskiĝon de la fondinto de nia lingvo.**

## *Frateco* memoris Fernandon

LORENZO NOGUERO

En Zaragozo, la 15an de decembro renkontiĝis esperantistoj en la sidejo de la societo *Frateco* por festi la tagon de la esperanta libro kaj de la naskiĝo de la unua esperanta "libremulo" (nia granda Z.).

Okazis du prelegoj de Antonio Marco: unu pri Fernando de Diego, ĉefe kiel tradukinto de Donkiĥoto, kaj alia pri la temo idealismo kaj realo en la verko "Don Quijote".

Ni memoris ke ĝuste antaŭ unu jaro, eĉ Fernando de Diego fizike akompanis nin en tia celebrado. La 17an, sabaton, en amikeca tagmanĝo ĉeestis pli da 30 esperantistoj kaj simpatiantoj.

## Ĝusta mortodato de FdD

LORENZO NOGUERO

Unue oni diris al mi, ke Fernado de Diego mortis la 30an de junio kaj tiel estis disvastigata la novaĵo kaj tiel aperis en **Boletín**. Sed aperis indikoj pri la eblo ke la oficiala morto okazis la 1an de julio.

Por finfine klarigi la aferon, mi iris al oficejo de *Registro Civil* de Zaragozo. Konklude, Fernando de Diego de la Rosa mortis en Zaragozo (laŭ la oficiala registro) la **1an de julio de 2005** (vendrede), je la 1a kaj 50 minutoj.

Eble kelkaj opinius, ke la ĝusta mortotago ne estas grava... kaj ili ja pravus. Gravas tio ke la homo mortis sed la memoro kaj la verkoj ade vivos.

## Kuraĝigo de veterano en Bilbao

JESÚS ITURRIOZ

La 17an de decembro, ĉirkau 20 anoj de la E-Grupo de Bilbao kuniĝis en ĝia sidejo por celebri la datrevenon de la naskiĝo de Dro. Zamenhof.

Nia veterana kaj ege entuziasma samideano Eduardo Larrouy malfermis la kunvenon per mallonga parolado, en kiu, post resumo de nia agado dum la jaro



*Eduardo Larrouy alparolas la ĉeestantojn al la Z-festotago*

2005, kuraĝigis la ĉeestantojn daŭrigi la laboron cele al plua disvastigo de Esperanto.

Post tiuj vortoj, longe aplaŭdataj, kiel tradicie, ni ĉiuj staris ĉirkaŭ tablo plenplena de la manĝaĵoj kaj trinkaĵoj alportitaj de la ĉeestantoj; tio faciligis renkontojn de malnovaj konatuloj kaj la eblon praktiki Esperanton.

La plej junajn ne elkontentigis la bankedeto kaj do kelkaj el ili pludaŭrigis la feston tra la oftaj apudaj drinkejoj de la malnova kvartalo de Bilbao.

## Andaluzoj festis kaj debatis

**Victor Manuel Macías**

La pasintan 17an de decembro kuniĝis en la malaga urbo Antekero samideanoj el la tuta Andaluzio (Malago, Sevilo, Onubo, Jaeno, Granado…) por festeni la Tagon de Zamenhofo per frateca kunmanĝado. La ĉeestintoj alvenadis iom post iom al la renkonta punkto kaj baldaŭ etendiĝis inter ili amikeca etoso.



*Andaluzaj samideanoj ĝoje kunbankedas.*

Oni profitis la okazon por interŝanĝi spertojn pri niaj respektivaj lokaj grupoj kaj por plifortigi personajn rilatojn, tiom gravaj por la subteno de la movado. Ŝercoj kaj ridoj estis oftaj kaj fruktoplenaj, en rekontiĝo kien iris samideanoj el ĉiuj aĝoj kaj pensoj, komencantoj kaj spertuloj.

Pri la venonta Andaluza Esperanto-Kongreso, neniu malaprobis la sinproponon de Onuba E-Asocio pri aranĝi ĝin en la venontaj oktobro aŭ novembro. Male, onubaj samideanoj ricevis apogon kaj helpoferton de ĉiuj.

Neniun decidon oni prenis formale pri io ajn, sed ni alvenis al interkonsento komenci debatan tempon pri la estonteco de Andaluzia Unuiĝo, de la lokaj grupoj, kaj de la rilatoj inter ili, per la rimedoj kiujn nin oferas nia interreta paĝo.

**Represita el www.esperanto-andalucia.org**

## Fino de kurso en Madrido

**Toño del Barrio**

La 17an de decembro Pedro Hernández finis la kurson en *Librería Muga* (vd. apudan kadron) kaj sekve lernantoj, instruisto kaj aliaj madridaj samideanoj —entutis 16 homoj—iris tagmanĝi kune en apuda restoracio.



*Malnovaj kaj novaj —eĉ junaj!— vizaĝoj kunas en madrida esperanto-bankedo.*

## Postkursa libroservo de SATeH

**Pedro Sanz**

Sabate la 17-an de decembro estis muntita la libroservo de SATeH en la librejo *Muga* ĝuste post la okazigo lastan lecionon de kurso de esperanto gvidata de Pedro A. Hernández. La libroservon atentis kaj prizorgis Pedro Sanz.



*Pedro antaŭ la libroserva tablo, ene de komerca librejo Muga.*

La financa rezulto estis surprize sukcesa: avidaj lernantoj aĉetis ĝis elĉerpiĝo de siaj monujoj. Notinde estas ke iuj titoloj, forte dezirataj, devis esti kvazaŭ lotumitaj inter iliaj pretendintoj.

Eksterordinara, ne antaŭvidebla, rezulto de ege modesta aranĝo. La libroservisto, fakte, kunprenis multajn titolojn antaŭkalkulante ties propagandan efikon, sed li tute ne atendis tiom altan financan profiton. Tio respegulas la grandan intereson ĉe la lernantoj. Kio, siavice, estas sukceso de la kursgvidanto. Gratulon al li!

## Bunta celebrado en Katalunio

**Salvador Aragaj**

Pluraj grupoj festis la Tagon de la Esperanta Libro en Katalunio.

### Grupo *Aŭroro*

La 15an de decembro, la esperanto-grupo *Aŭroro*, de Barcelono, sukcesis kunvenigi 25 personojn por festi la datrevenon de Zamenhof. Post la saluto de prezidanto Adela Gomila, samideano S. Aragaj parolis pri la Libro-Tago, ĉefe pri *Donkiĥoto*, menciante la atentindan ŝancon aĉeti la verkon de Cervantes-FdD. Fine la estraro invitis ĉiujn gustumi abundan kaj bongustan lunĉon.

### Fervojistoj

La 18an de decembro, Kataluna Esperanto-Fervojista Asocio (KEFA) celebris la Zamenhof-feston en L'Hospitalet de Llobregat (urbo apud Barcelono) okaze de la inaŭguro de sia nova sidejo. Ĉeestis delegitoj kaj membroj de e-grupoj de la tuta provinco ĝis entute pli ol 30 personoj.

La evento disvolviĝis laŭ programo gvidata kaj organizita de Martí Guerrero. Parolis Antonio de Diego, prezidanto de KEFA; Salvador Aragaj pri *Fernando de Diego kaj Donkiĥoto*; Luis Serrano pri *La agrikulturo kiel grava industrio*. Oni projekciis la filmon *El coche de pedales* subtitolita en Esperanto kaj poste ĉiuj kantis la himnon *La Espero* kaj gustumis lunĉon. Poste estis tagmanĝo en apuda restoracio. Sincere neforgesebla kaj tre agrabla evento.

## Barcelona Esperanto-Centro

La 21an de decembro okazis Zamenhof-festo en la sidejo de BEC, *Centre Civic Casinet d'Hostafracs*. Prezidanto Salvador Aragaj salutis la membrojn —kiuj nombris pli-malpli 15—, informis kaj resumis la agadon de BEC dum la jaro 2005, menciante la lastan agon de antaŭa semajno, la donacon de ekzemplero de *Donkiĥoto* kaj aliaj libroj en/pri esperanto al la biblioteko *Joan Miró* de la *Diputació de Barcelona.*




*Zamenhof-festo ĉe BEC*

JESÚS MUÑOZ

Post la trinkado de kelvino *Cava Esperanto* ĉiuj reciproke deziris al si feliĉan Kristnaskon kaj prosperan novan jaron 2006.

## Prezentado




Meze sur la foto, Trinitat García, prezidanto de esperanto-grupo Jozefo Anglés, prezentas la verkon Esperanto en Katalunio, eldonita de BEC. La evento okazis en Sant Cugat del Vallés.

SALVADOR ARAGAJ

## Prostituado en debato

SALVADOR ARAGAJ

Organizita de KAE kaj aliaj e-grupoj de Katalunio, okazis en Sabadell la 74a Esperanto-Babilado en la sidejo *Casal Pere Quart* de la urbodomo de Sabadell. La temo estis *La surstrata prostituado kaj aliaj aspektoj, precipe en grandaj urboj*. Ĉeestis 22 samideanoj.

La moderanto de la debato, Luis Serrano, energie gvidis la malsamajn proponojn kaj sugestojn kiuj ariĝis laŭ tri ĉefaj modeloj: 1) sveda, kie prostitutoj kaj klientoj estas punataj; 2) nederlanda, kie prostituado estas oficiale permesata kaj regulata; kaj 3) hispana, kie prostituado estas agnoskata nek punenda nek regulenda.

Post du horoj da dialogo kaj konversacio la partoprenantoj ne atingis klaran konkludon kaj la moderanto fermis la debaton. 75a Esperanto-Babilado okazos en Barcelono, la 19an de februaro kun la temo: *Ni, hispanoj, kompare al...*



*Partoprenintoj de la 74a Esperanto-Babilado antaŭ la sidejo* Casal Pere Quart.

FRANCESC MÁS




# Kunsido de la Patronaro de *Fundación Esperanto*

La 12an de decembro de 2005 okazis kunsido de la patronaro de *Fundación Esperanto* en Zaragoza. Inter la aferoj pritraktitaj, menciindas:

## Monhelpoj al e-aktivaĵoj dum 2005

Rilate al la monhelpoj anoncitaj por la jaro 2005 (kaj publikigitaj en **Boletín** n-ro 369 de jan.-feb.2005), la decido pri pagoj al grupoj estis:

-400 eŭroj al Barcelona Esperanto-Centro, pro la publikigo de la libro Esperanto en Katalunio.
-400 eŭroj al Esperanto-Liceo de Madrido, pro la publikigo de la libro El hombre que desafió a Babel.
-200 eŭroj al Grupo Esperantista de Bilbao, pro la organizado de E-kurso en la Universitato.

## Programo por la jaro 2006

Oni decidis helpi dum 2006 la jenajn aktivaĵojn:

-Organizado de E-kursoj en oficialaj lernejoj en iu ajn nivelo (alta, meza aŭ baza; tio estas, en universitato, liceo aŭ infanlernejo) dum 2006.
-Publikigo en 2006 de libroj pri/aŭ en Esperanto. La konkreta monkvanto dependos de la cirkonstancoj.

La limdato por la petoj estos la 30a de novembro de 2006 kaj oni devos akompani la koncernajn pruvilojn pri la aktivaĵo farita.

**Lorenzo Noguero**
**Sekretario**



*Lorenzo Noguero, Sekretario de* Fundación Esperanto



Vizitu la retejon de Fundación Esperanto
www.esperanto-es.net/fundacion/
fundacion@esperanto-es.net

# Lastaj kiĥotaj eĥoj

**La lastan monaton de la pasinta jaro, samideanoj multe agadis cele al la plenumo de la projekto Kiĥoto 2005 kaj ties koncernaj subvencioj. Okazis disdonacoj de la dediega traduko al publikaj bibliotekoj de pluraj urboj. Ankaŭ, HEF publikigis novan libron.**

J.M. RODRÍGUEZ K M. PANCORBO

HEF ĵus eldonis novan libron, kiel rezulton de la programitaj elspezoj pro la akcepto de la pasintjaraj subvencioj al HEF. La libro titoliĝas *Donkiĥoto parolas esperanton* kaj estas dulingva, hispana kaj esperanta.

Ĝi enhavas plurajn prelegojn de la pasinta 64a Hispana Kongreso de Esperanto en Alcalá de Henares, en rilato al ĉiaspecaj aspektoj de la verko de Cervantes kaj ties traduko fare de Fernando de Diego. Ankaŭ aperas en ĝi aliaj prikiĥotaj artikoloj.

Sed la ĉefa allogaĵo de la libro estas 47 desegnoj de infanoj de la tuta mondo, partoprenitaj la konkurson *Tia mi vidas Donkiĥoton —Así veo a Don Quijote—*, kaj kiuj ekspoziciiĝis sur la muroj de la kongresejo de Alcalá.



*"Li estis bonkora frenezulo", diras Aleš Ìehák el Ĉeĥio*

La kunordigado de tradukistoj kaj verkistoj ŝuldiĝas al senlaca laboro de Lupe Sanz,. kiu krome fere gvidis kontaktojn, instigadon kaj eĉ vipadon de presejo. Kompostadon kaj kovril-desegnon profesie faris Miguel G. Adúriz. Aliaj helpintoj: Antonio Valén, reviziisto; Alejandro Pareja, tradukisto; Cristóbal Aparicio kaj José Rodríguez, kiuj zorgis pri la kovrilo; Darío Rodríguez, kiu kontrolis kaj multe helpis ĉiel.

## Eblas aĉeti la libron




HEF vendas la libron po 10 eŭroj plus sendokosto (3,76 euroj por 1 ĝis 4 ekzempleroj). Antaŭpago deviga al la konto de HEF:

BBVA 0182-1252-31-0204011961



# *Donkiĥoto* en Universitato Kastilio-Manĉo

**Nia samideano Arturo Jiménez donacis ekzempleron de la esperanta *Donkiĥoto* al la Universitato Kastilio-Manĉo. Simbola donaco en la lullando de la senlaca kavaliro**

En februaro de 2006, en la kampuso de Reĝurbo (Ciudad Real), estis donacita ekzemplero de Donkiĥoto al la Universitato de Kastilio-Manĉo. Mia amiko Raúl kaj mi, post longaj telefonklopodoj, finfine havis renkonto-daton kun la bibliotekestro por donaci la libron al la Universitato.

Ĉio komencis kiam la Hispana Esperanto Federacio (HEF) sendis al ni du ekzemplerojn el *La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha* kaj proponis al ni donaci unu al la Universitato kaj la alian al la Muzeo pri Don Quijote; ambaŭ institucioj kuŝas tie ĉi en Reĝurbo. Tre plaĉis al ni tia ideo kaj baldaŭ ni komencis klopodi por realigi la ideon.

> La ĵurnalisto, kiu fotis la ceremonion, tre interesiĝis pri Esperanto, nia historio, niaj originoj kaj niaj celoj.Ni interkonsentis rendevuon por la venonta donaco ĉe la muzeo.

Unue ni provis donaci al la Universitato, kiu montris sin pli ricevema kaj fine, je la supre dirita dato, ni atingis rendevuon kun la bibliotekestro kaj donacis la libron. Tamen, okazis problemo; mi eliris el mia laborejo je la unua horo sed universitata funkciulo tre insistis ke la renkontiĝo okazu ekzakte je la unua. Do, la donacon gvidis mia amiko Raúl sen mia rekta partopreno.

Poste, ni parolis kun la ĵurnalisto, kiu ĉeestis la ceremonion kaj fotis ĝin por dissendi gazetnoton al reĝurbaj ĵurnaloj, tiel agnoskante la donacon kaj nian ekziston ĉi tie.

Ŝi tre interesiĝis pri Esperanto, nia historio, niaj originoj kaj niaj celoj. Post preskaŭ du horoj da bieroj kaj "tapas", ni interkonsentis rendevuon por la venonta donaco, kiu okazus ĉe la muzeo, se ties estraro aprobus la donacon.

Ni esperas ke venontfoje, ĉio glate rezultos kaj ni du povu ĉeesti en la akto. Nia amikino la ĵurnalistino ankaŭ estos avertita kaj ni esperas ke denove raporto aperos sur la paĝoj de la reĝurbaj ĵurnaloj.

*Raúl, amiko de Arturo Jiménez, pozas sur la foto apud la bibliotekestro de la Universitato*

**Arturo Jiménez**

# Donaco en Valladolid

LUIS HERNÁNDEZ

Kadre de la kampanjo *Kiĥoto 2005*, per kiu Fundación Esperanto kaj Hispana Esperanto Federacio aliĝis al la kvarcentdatreveno de la unua aperigo de la mondfama verko de la monda literaturo "La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha"du membroj de la HEF-estraro, Pedro Garrote kaj Luis Hernández, la 16an de decembro 2005, liverdonacis al la Direktoro de la Publika Biblioteko de Kastilio kaj Leono en Valladolid, ekzempleron de la esperanta versio de la verko en majstra traduko de Fernando de Diego.

Al la menciita libro, oni aldonis la donacon de la gramatiko Nuevo Método de Esperanto kaj de la hispanlingva versio de El hombre que desafió Babel, biografio de Zamenhof tradukita el la franca originalo de membroj de MEL La esperanta delegacio, kiu estis ĝentile kaj afable akceptita de la Direktoro de la Biblioteko, interparolis pri Esperanto, speciale pri la situacio en Valladolid, kaj oni interkonsentis la okazigon de informa prelego pri Esperanto, hispanlingva, en baldaŭa estonto.

---

Krom tiu ĉi agado, pluraj aktivuloj donacis ekzempleron de *Donkiĥoto* al la Publikaj Bibliotekoj de Toledo (regiona de Kastilio-Manĉo), Guadalajara, Oviedo, Gijón, La Rioja kaj Ciudad Real (vd. raporton sur paĝo 15).

---

## Humuro




Fare de **Ken Miner**

www.sunflower.com/~miner




Represita el blogo de **Luis Restrepo**

skribitaj-pensoj.blogspot.com

# *Donkiĥoto* en Vjetnamio

**Jes, preskaŭ en la alia ekztremo de la mondo, eble estas la plej distanca loko kie dum la 4a Centjariĝo la vortojn de Cervantes oni aŭskultis en Esperanto. Ĉio danke al niaj vojaĝemaj estraraninoj Carmen Suárez kaj Lupe Sanz kiuj elektis Indoĉinon kiel loko por ferii.**

Ni kontaktis esperantistojn en Vjetnamio, en Kambojo neniu aperas en la Jarlibro, kaj renkontiĝis kun ili en Hanojo kaj Sajgono.

En Hanojo la kunveno okazis en restoracio. Ni kunmanĝis kun tri esperantistinoj, inter ili Nguyen Thi Ngov Lan, Sekretariino de la Vjetnama Esperanto Asocio kiu ricevis por ĝia Biblioteko ekzempleron de *Donkiĥoto* donacitan de *Fundación Esperanto*. Post la manĝo ili akompanis nin kaj niajn amikojn tra la malnova urbo por butikumi.




*Lupe, meze de vjetnamaj esperantistoj kaj hispanaj akompanoj, en Sajgono.*

La afableco kaj simpatiemo de la vjetnama popolo manifestiĝis ankaŭ en Ho Chi Minh kie ses esperantistoj, inter ili la Vic-Prezidanto de la nacia asocio, kun siaj motorcikloj montris al niaj geamikoj la urbon. La sperto estis amuza kaj mirinda ĉar la trafiko estas ĥaosa kun preskaŭ kvar milionoj da motorcikloj. Unu el la vizitejo estis la centra bazaro kie esperantistino havas kafejon. Tie ŝi invitis nin al teon.

Vespere ni partoprenis en la kunveno kiun lokaj esperantistoj havas ĉiumonate, la lastan dimanĉon, ĉe s-rino Le Thi Thien Thu, kie ŝi havas la salonon dediĉita al esperanto. Partoprenis s-ro Tran Quan Ngoc, Vic-Prezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio kiu dum la kunveno faris karitaturojn de la hispanoj. Ni kune manĝis, paroladis, kantis, dancis kaj ĝojis la esperantan etoson kiu tre ŝokis al nia hispanaj amikoj ne esperantistoj kiuj akompanis nin.

La renkontiĝoj en ambaŭ urboj estis neforgeseblaj.

LUPE SANZ

## IJK 2007 en Vjetnamio




La estraro de TEJO decidis, ke la 62-a Internacia Junulara Kongreso okazos en Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio, de la 27-a de julio ĝis la 3-a de aŭgusto 2007. Sur la foto, unua kongreso de VEJO, en 2005.

LIBERA FOLIO - www.liberafolio.org

## Esperanto en *Diario Sur*, de Málaga

ENRIQUE ELLEMBERG K DARÍO RODRIGUEZ

En la malaga ĵurnalo *Diario Sur*, la 21an de decembro aperis favora artikolo pri Esperanto, tamen iom troiga. Precipe la lasta aserto pri agnosko de Esperanto far Eŭropa Unio estas tute malvera.

La 30an de decembro la anglalingva ĵurnalo *Sur in English* publikigis tradukon de tiu raporteto.



*Samiedano Fabian Jiménez lecionas al lernanto.*
DIARIO SUR

## Revuo *Fotogramas*

TOÑO DEL BARRIO

Kiel ĉiuj scias, en la usona filmo *Blade Trinity* esperanto rolas kiel la ĉef-lingvo de la imagita mondo kie dramo disvolviĝas. La hispana revuo *Fotogramas* publikigis recenzon de la DVD-versio de la filmo, kie aperas mencio de Esperanto kun kelkaj malaprezaj komentoj:

> *También se revela la utilización del (hoy olvidado) idioma esperanto convertido en lengua oficial de la ciudad donde se desarrolla la acción. A Kris Kristofferson le tocó chapurrearlo en una secuencia. Pero además, David S. Goyer se permitió un homenaje a la única película norteamericana rodada en ese idioma,* Incubus *(Leslie Stevens, 1965), protagonizada por William Shatner, y de la cual incluye imágenes en una escena de* Blade Trinity.



Al la insido "ya olvidado", pluraj samideanoj reagis retpoŝte.

## Radistacioj

DARÍO RODRÍGUEZ K TOÑO DEL BARRIO

*Radio Sol*, de Aspe (Alakanto) elsendis, je la 15a de decembro, dekminutan intervjuon kun Pedro Hernández pri la Tago de la Esperanto-Libro. La konversacio inter la parolistino kaj Pedro estis ege afabla; je la fino oni elsendis kanzonon en Esperanto Mi malbenas militon, kiun la parolistino trovis en Interreto.

Tiu radiostacio, kvankam loka, ŝajne estas bone aŭskultata en la suda alakanta marbordo, ĉar multaj el siaj komercaj anoncoj koncernas vendejojn de ties ĉefurbo, Elx kaj Santa Pola.

Ankaŭ tiun 15an de decembro, aŭdiĝis saluto de Toño del Barrio en *Onda Madrid*, la radiostacio de *Telemadrid*. Temis pri du salutoj, en hispana kaj Esperanto, de po ĉ. 40 sekundoj. Li diris ke la 15 de decembro estis la Tago de la Libro en Esperanto, kiun ni uzas por celebri la esperantan kulturon internacie, kaj kiun ni dedicxis ĉijare en Hispanio al la datreveno de la Kiĥoto, profitante la ekziston de la traduko de De Diego. Li finis per esperanta alvoko: "venu ĝin kunĝui kun ni".

## Reago publikigita en *Ciberpais*




**Darío Rodríguez**

La 28an de decembro, en *Ciberpaís*, la informatika suplemento de la ĵurnalo *El País*, aperis longa letero de Toño del Barrio pri Esperanto, kun granda kvanto da ligiloj. Jen parto de la enhavo:

> *¿Y el esperanto? El pasado 15 de diciembre fue el Día Internacional del Libro en Esperanto. Los hablantes de este idioma internacional lo celebran en todo el mundo, tomando como motivo el aniversario del iniciador del idioma, el Dr. Zamenhof. Se trata de una lengua muy utilizada en Internet, quizá porque este es un medio excelente para poner en contacto a una comunidad tan dispersa internacionalmente.*

Inter la ligiloj, troviĝas la retpaĝoj de HEF, UEA, Lernu!, Pasporta Servo kaj Wikipedia.

## Kunlaboru en *Wikipedia*!



La Vikipedio estas projekto por la konstruo de libera reta enciklopedio en multaj lingvoj. Ĉiu povas kontribui per sia scio. Ekde novembro 2001 jam nombras ĉirkaŭ 41.000 la artikoloj en la esperantlingva versio.

Ĉiuj —inkluzive de ĉiu leganto— povas redakti ĉiun artikolon, korekti lingvajn erarojn, pligrandigi artikolon, skribeti, aŭ skribegi. La oftaj demandoj klarigas kiel redakti paĝon kaj aliaĵojn. En la paĝo pri lastaj ŝanĝoj videblas tio, kio estas nova. Ĉiu povas kontribui libere, ĉar ĉi tio estas komunuma projekto, ne finita verko, kaj la Vikipedio senĉese ŝanĝiĝas. Se vi ŝatas kunlabori pri certa temo, kontrolu nian portalejon, kie estas listitaj ĉiuj temaj portaloj de nia vikipedio.

**eo.wikipedia.org**

# Esperanto en Katalunio




**Jen antaŭ ni libro pri nia movado, interesa kaj eĉ necesa. Koni la evoluon de la esperantista movado en Katalunio estis necesa, ĉar kune kun la ĝenerala historio de la esperanto en Hispanio, tiu ĉi popolo havis kaj havas propran agadon kies graveco, elstara per si mem kaj evidente vigla, bezonas esti diskonigata.**

Ĉiam la UNESKO pledas pro la protektado de la nemateria kultura havaĵo de ĉiu popolo aŭ gento, karakterizata pro ĝia viveco kaj evolueco, ĉiam ene de la kultura diverseco. Kaj jen Esperanto kaj ĝia kulturo, kiel vera nemateria kultura havaĵo apartenanta al la tuta homaro, kiu la esperantistoj el Katalunio defendis kaj sciis gardi laŭlonge de la historio. La lingvo Esperanto estas vehiklo de la nemateria kultura havaĵo, kaj pro tio, certe ĝi bezonas esti konata de ĉiuj.

## Ĝin estu verkinta kataluno

La aŭtoro, S-ro Marco Botella, prave diras ke tiu libro devus esti verkita de kataluno, tamen S-ro Marco, verkisto de la historio de la movado en la tuta Hispanio, de la kronikoj de Frateco ktp, loĝis en Katalunio kaj amas Katalunion, kio permesas al li verki libere kaj plaĉe pri la specifaj aspektoj de la tiea esperantismo. Ankaŭ permesu al mi diri ke certe mi ne estas la plej taŭga persono por rezenci la libron, kvankam mi ĝuas la amikecon de la aŭtoro kaj mi havis la okazon koni la viglecon de la kataluna movado, ĉefe dum mia prezidanteco de Hispana Esperanto-Federacio, kaj mi gardas multajn geamikojn en tiu parto de nia lando.




Eldonita de BEC kaj verkita de Antonio Marco Botella.

Formato 13 x 20 cm, 358 paĝoj. Prezo 15 €.

Mendojn al: Barcelona Esperanto-Centro, Bassegoda 40 3º-1ª, 08028 Barcelona.

## Kronologia rakonto

La verko, skribita kiel ne povis esti alie, kronologie, komencas ekde la unuaj manifestacioj de Esperanto en Katalunio per la unuaj esperantistoj, S-ro Vilamala el Vic kaj S-ro Vidal Llopart el Vilanova i la Geltrú, kaj la unuaj kursoj de Esperanto gvidataj de S-ro Inglada Ors en Barcelono.

### Aŭtoro bone dokumentita

Oni konstatas klare ke S-ro Marco bone konas la diversajn okazintaĵojn en Katalunio, elstarajn personojn kiuj laboris fervore, eĉ cirkonstancojn bonajn kaj nebonajn, kiaj la akcepto de aŭstraj infanoj en Hispanio danke al S-ro Emilio Gastón, el Zaragozo, kiuj estis gastigitaj en la hejmo de esperantistaj familioj, multaj el ili katalunaj. Ankaŭ malbonaj momentoj kiel la intercivitana milito kaj dua mondmilito, kiu bremsis ĉiun aktivecon .

### Konataj verkistoj

Inter la aktivado de la kataluna esperantistaro, la libro prave mencias la gravecon de la *Floraj Ludoj*, kaj mi volas elstari ke la aŭtoro elektis tre belajn elmontraĵojn de la diversaj jaroj, kaj la premiitojn, inter kiuj ni konstatas nomojn tre konataj kiel Julio Baghi, Kalocksaj, Domenech, Grau, Alberich k.a.

### Interesa apendico

Same la *Notoj* aperintaj en la lastaj paĝoj de la verko estas tre interesaj, ĉar permesas koni la vivon kaj faktojn de elstaraj personoj kiuj aktivis kaj aktivas en la kataluna movado, por la nunaj kaj estontaj generacioj.

Fine, ni devas danki, unu plian fojon, al Barcelona Esperanto-Centro, la eldonon de la libro, bone kartone bindita kaj belaspekta.

**M.R. Urueña**



## Plu ofertatas




Madrida Esperanto Liceo ofertas, **nur ĝis la fino de julio**, rabaton por la aĉetado de la libroj: El hombre que desafió a Babel kaj *Nuevo método de esperanto* de F. de Diego. Du libroj por **23 €**, inkluzive de sendokosto al Hispanio.

Pagojn al la konto de Madrida Esperanto-Liceo ĉe banko *Sabadell-Atlántico*: 0081 7110 98 0001266730



## HEF Libroservo



Luis Serrano Pérez
Font Nova 32, 08202 - SABADELL
Tel. 93 727 50 21
Faks. 93 731 10 31
luis_serrano@mixmail.com

# MKR (Mont-Kabana Renkontiĝo) : Tradicia esperantumado en mezeŭropaj montoj

**MKR estas semajnfina aranĝo por montmigrantoj kaj naturemuloj. La 17an MKR-on oni organizos inter la 21a kaj 24a de septembro en norda Slovenio, proksime al Aŭstra limo, en montaro Kamniške Alpe. La Familia MKR okazos inter 21a kaj 23a de aprilo sur monteto Kalnik (632 m) en nordokcidenta Kroatio.**

VANJA RADOVANOVIC



*Junaj mont-grimpemuloj dum 11a MKR*

Kiam kroatoj pensas pri Hispanio kutime oni pensas pri maro, urboj riĉaj je kulturo, bona manĝaĵo kaj vino, «fiesta» kaj «siesta», muziko kaj filmoj de Almodovar ... foje oni ankaŭ pensas pri hispanaj montoj: Pirineoj estas ja mondkonataj kaj pri Sierra Nevada kaj kanaria Pico del Teide oni ankaŭ foje aŭdas.

Kion kroataj esperantistoj pensas pri hispanaj esperantistoj? Hm, malfacila demando ... ĉar, mi preskaŭ certas, averaĝa kroata esperantisto ne renkontis multe da hispanaj samiedanoj. Bone, pluraj hispanoj vizitis UK-on kaj IJK-ojn en Kroatio, unu kataluno (Arnau) eĉ eldonis komiksojn ĉe zagreba esperanta klubo ... sed, tio ne estas multe.

Kion hispanoj pensas pri Kroatio (kaj Slovenio)? Tion mi vere ne scias. Certe ankaŭ abundas pensoj pri mediterano, turismo, eble futbalo ...? Sed mi preskaŭ certas ke oni scias malmulte pri kroataj kaj slovenaj montoj ... kaj estas verŝajne same pri kroata (kaj slovena) E-movado.

> Estus interese ekkoni kaj lokajn esperantistojn kaj montojn, en tiu parto kie meza kaj suda Eŭropo tuŝas unu la alian. Kaj oni povas fari tion samtempe dum Mont-Kabana Renkontiĝo.

Eble estus interese ekkoni ambaŭ kune, kaj lokajn esperantistojn kaj montojn, en tiu parto kie meza kaj suda Eŭropo tuŝas unu la alian. Kaj oni povas fari tion samtempe dum MKR (MontKabana Renkontiĝo), kiu dum lastaj 16 jaroj iĝis la tradicia mezeŭropa E-aranĝo por montmigrantoj kaj naturemuloj.

Kion ofertas MKR? MKR estas semajnfina aranĝo (ĵaŭdo – dimanĉo) kiu ĉiujare vizitas alian grupon de montoj en Kroatio kaj Slovenio. En la jaro 2005 ĝi vizitis apudmaran monton Velebit kaj la aranĝon partoprenis 35 homoj el eĉ 10 landoj (kaj inter ili estis ankaŭ Sandra, la unua partoprenantino el

Hispanio). Ĉi-jare, inter 21a kaj 24a de septembro, oni organizos 17an MKRon en norda Slovenio, proksime al Aŭstra limo, en montaro Kamniške Alpe, apud pinto Storžič (2132 m). La programo konsistas ĉefe el diversaj ekskursoj kaj migradoj (kaj por spertaj montmigrantoj kaj por promenantoj: familioj kun infanoj ankaŭ estas bonvenaj) akompanataj per diversaj vesperaj ludoj, foje ankaŭ prelegoj aŭ ekspozicioj.

La Familia MKR okazos inter 21a kaj 23a de aprilo sur monteto Kalnik (632 m) en nordokcidenta Kroatio. E-familiojn atendas tie montkabano kun apuda ruino de mezepoka kastelo, vastaj herbejoj kaj roka kresto de tiu monteto, kaj taŭga programo kun ekskursetoj kaj infanludoj.

Se tio kion vi aŭdis interesas vin, informojn pri ĉi jara MKR kaj Familia MKR, aliĝilon kaj multe pli (inkluzive historiajn paĝojn kun multajn bildojn kaj abunda aranĝstatistiko) vi povos trovi je tradicia MKR-retpaĝo (www.angelfire.com/va2/Vanja/ ... sed baldaŭ ankaŭ sen reklamoj je www.keja.hr). Slovenio ja estas for por viziti nur semajnfine, sed pripensu pri abundaj malmultekostaj flugoj, Pasporta servo kaj vizito al najbaraj urboj kaj landoj (sen problemoj de mezsomera trafika ĥaoso kaj varmego) Ni atendos vin tie!



## La *Semajno* jam pretas!

**Luis Serrano**

Jam troveblas en la reto inform-paĝo pri la 14a Internacia Semajno de la Kulturo kaj Turismo. Ĉi-jare ĝi okazos en la plaĝo *La Pineda* (apartenanta al la municipo de Vila-Seca, provinco Tarragona), apud Salou, de la 24a de septembro ĝis la 1a de oktobro 2006, en Hotelo *Carabela*.

Ĉiuj detaloj videblaj sur la retpaĝo:

personales.ya.com/semajno/



## Restas ekzempleroj de vortaro Sopena




**Luis Serrano**

Mi disponas ioman stokon de Vortaro Sopena. Kiel sciate, Eldonejo Sopena bankrotis kaj la juĝejo embargis ĉiujn stokojn, inklude de la vortaro. Tial povas interesi al vi acheti la lastajn ekzemplerojn liberajn ĉe Libroservo de Luis Serrano (vd. adreson su paĝo 21).

La prezo de la vortaro estas 8 euroj inkluzive de sendokosto ene de Hispanio, kun 10 % rabato por mendo de 10 ekzempleroj.

# Tago de la Gepatra Lingvo

**Okaze de la Tago de la Gepatra Lingvo, la 26an de februaro, UEA dissendis jam tradician deklaron.**

La 21-an de februaro estis celebrata en la mondo la Internacia Tago de Gepatraj Lingvoj la sesan fojon. Ĉi-jare Unesko, la iniciatinto de la celebrado, intencis substreki la lingvan diversecon, alivorte la neceson pluteni la mondon lingve plureca. Interalie konferenco kun tiu temo kiel titolo okazis en la sidejo de Parizo kun partopreno de la plej altaj funkciuloj de la organizaĵo, ĝuste por marki la gravecon de ĝi.




Oni prezentis la sekvojn de la malapero de lingvoj kaj la iniciatojn por malhelpi tiun malaperon en ĉiuj mondopartoj.

Apartan atenton oni dediĉis ankaŭ al la iniciato de Afrika Unio, kiu deklaris la jaron 2006-an "Jaro de Afrikaj Lingvoj" dum la Speciala Kunsido pri Kulturo kaj Edukado de la Pinto-konferenco en Ĥartumo fine de la pasinta monato.

La Esperanto-movado ankaŭ ĉi-jare aliĝis al la celebrado de tiu tago, kies gvida ideo estas esenca parto de la idearo de la Esperanto-komunumo, kaj kiu koincidas kun la Semajno de Internacia Amikeco, iniciatita de Universala Esperanto-Asocio antaŭ kvar jardekoj.

Esperanto ne celas anstataŭigi aliajn lingvojn sed nur utili kiel dua lingvo neŭtrala, ne portanta la interesojn de tiu aŭ alia granda lando, kaj per tio mem protektanta ĉiujn lingvojn, grandajn kaj malgrandajn. La tago, cetere, estis kreita por doni atenton al la gepatraj lingvoj, kiuj estas lingvoj de malplimultoj enlandaj kaj de malgrandaj landoj en la monda sceno. La Esperanto-movado de ĉiam atentas pri tio kaj ni povas fieri, ke en ĉiuj situacioj ni provis fari ĉion eblan por favori per Esperanto ĝuste tiujn lingvojn.

Ni estas konvinkitaj pri tio, kion diris Gandhi pri la graveco de gepatraj lingvoj: "*... vera edukado ne eblas per eksterlanda rimedo...sole la hejma medio povas stimuli spiritan originalecon en la plej multaj personoj*" kaj samtempe pri tio kion diris Zamenhof: "*La lingvo internacia deziras nur doni al la homoj de malsamaj popoloj [...] la eblon komprenadi unu la alian, sed ĝi neniel intencas enmiksiĝi en la internan vivon de la popoloj*."

Tiun koncepton resumas daŭre nia slogano "*Ĉiu rajtas lerni sian gepatran lingvon kaj la internacian lingvon Esperanto*", en la afiŝo subtene al la Tago de gepatraj lingvoj de Unesko, kiu estas elprenebla el la ret-paĝoj de UEA:

www.uea.org/informado/

**Renato Corsetti**
**Prezidanto de UEA**

# Belartaj Konkursoj 2006

**La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA invitas partoprenantojn por la 57-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 91-a Universala Kongreso en Florenco.**

Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK. La konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, antaŭe ne publikigitaj. Krome validas jenaj kondiĉoj:

* Poezio: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.
* Prozo: Maksimuma longo 200 x 65 karaktroj. Tri premioj.
* Teatraĵo: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.
* Eseo: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la UK, "Lingvoj, kulturoj kaj edukado al daŭrigebla evoluo". liremio "Luigi Minnaja" kaj du aliaj premioj.
* Kanto: Teksto kaj melodioj povas esti de malsamaj aŭtoroj. La melodion oni povas sendi KD-e, rete, sonbende aŭ skribe (notoj). Premio "An-Songsan" kaj du aliaj premioj.
* Filmo: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (vd. ĉe Eseo). Daŭro inter 15 kaj 60 minutoj. Tri premioj.
* Infanlibro de la Jaro: Originala aŭ tradukita libro (alia ol lernolibro), presforme aperinta en 2005. Unu premio.

Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo kaj kanto oni sendu ilin en kvar ekzempleroj; por la infanlibra branĉo en tri ekzempleroj. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto 2006. Por filmo oni sendu po unu ekzempleron ĝis la 1-a de julio 2006.

Ĉion oni adresu al: Belartaj Konkursoj de UEA, p/a Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; rete michela.lipari@tiscali.it.

La konkursaĵoj (krom infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj adreso estu en aparta koverto. Se eble, oni aldonu 5 internaciajn respondkuponojn por ĉiu branĉo, en kiu oni konkursas. Se oni sendas la konkursaĵojn rete, oni indiku la elektitan pseŭdonimon.

Premioj:

* Unua premio: 220 eŭroj;
* Dua premio: 154 eŭroj;
* Tria premio: 88 eŭroj;
* Nova Talento (por la plej bona konkursanto neniam premiita) 154 eŭroj;
* Infanlibro de la Jaro: 462 eŭroj.

Publikigo: La rajto je la unua presigo de la premiitaj verkoj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj.

Detala regularo haveblas ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando, aŭ rete ĉe

uea@co.uea.org.

Ĝi legeblas ankaŭ en la TTT-ejo

www.uea.org.



*Eŭropa agado*

# Kunsido de EEU

**La prezidento de Pollando, Lech Kaczyński, kunvoku kunsidon de pluraj eŭropaj prezidentoj kiuj subtenu kantadon de la eŭropa himno en Esperanto kaj en la latina. Tion esperas atingi Eŭropa Esperanto-Unio. Krome la registaro de Slovenio printempe de 2008 laboru por akcepto de EU-dokumento utila por Esperanto.**

EEU
Por lingvoj en Eŭropo

Tio estu la ĉefa strategia celo de Eŭropa Esperanto-Unio, konkludis la estraro de EEU en sia kunsido la en Bruselo la 7an de januaro 2006. Krome EEU laŭ la estraro klopodu fariĝi organizaĵo regule financata de EU, kaj faru DVD-filmon pri Esperanto.

### Venonta kongreso en Maribor

La sekva kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio okazos en Maribor en Slovenio julie-aŭguste 2007, decidis la estraro. La estraro petos ke Małgorzata Handzlik, la sola esperantisto en la EU-parlamento, iĝu prezidanto de la honora komitato de la kongreso. La honora komitato petu akcepton de la slovena registaro jam ĉi-jare por ricevi subtenon de Slovenio al Esperanto.

Precize kian subtenon EEU petu de Slovenio ankoraŭ ne klaras. La plej ambicia plano estas peti, ke Slovenio postulu de la Eŭropa Komisiono raporton pri la funkciado kaj uzebleco de Esperanto en internacia komunikado. Se tia propono montriĝos tro nerealisma, EEU planas anstataŭe lobii por plimultigo de la lingvoj kies studadon fondaĵoj de Eŭropa Unio subtenas.

### Eŭropa himno latine kaj esperante

Sur la nivelo de internacia politiko EEU esperas ankaŭ konvinki ŝtatestrojn kanti en Esperanto kaj la latina. Laŭ decido de la estraro, EEU proponu pere de Małgorzata Handzlik, ke la prezidento de Pollando Lech Kaczyński iniciatu kunvenon de "kelkaj ŝtatprezidantoj de EU- kaj kandidataj landoj".

En la pint-kunveno proponota de EEU, la prezidentoj diskutu nur unu temon: la kantadon de la eŭropa himno. EEU esperas ke la prezidantoj akceptos kaj subtenos la jenan rekomendon al la EU-parlamento: En internaciaj eŭropaj aranĝoj, en kiuj oni antaŭvidis kantadon




http://www.esperanto-maribor.si/

de eŭropa himno, oni kantu la himnon en du lingvoj (unu strofon en la latina kaj alian en Esperanto).

La teksto de la himno laŭ EEU estu tiu de Schiller, kaj la esperanta parto estu kantata en la traduko de L.L. Zamenhof. Kvankam la deziro de EEU estas tre klare difinita, ne klaras kial EEU supozas ke eŭropaj prezidentoj efektive volus kunveni por diskuti kantadon de la eŭropa himno.

## Tuteŭropa poresperanta partio

Iomete malpli ambicia estas la plano inviti la kulturan komisionon de la EU-parlamento gasti en la germana urbo Braunschweig kiam tie okazos jubilea kongreso de germanaj esperantistoj. Sur la politika kampo EEU krome esperas "pere de siaj Landaj Asocioj" labori por la estigo de tuteŭropa poresperanta partio.

La "Landaj Asocioj de EEU" efektive estas Landaj Asocioj de UEA en la landoj de la Eŭropa Unio, kaj kiel tiaj ili estas laŭdifine politike neŭtralaj. Estas dubinde, ĉu la statuto de UEA permesus al Landaj Asocioj okupiĝi pri starigo de politikaj partioj. Tamen la ĝenerala engaĝiĝo de la Landaj Asocioj en la funkciado de EEU ĝis nun estis minimuma,



*EEU-estraro dum UK en Vilno*
LIBERA FOLIO - www.liberafolio.org

kaj ne ŝajnas kredeble ke ili subite ekaktivus sur la politika kampo nur pro decido de la estraro de EEU.

## Produkti DVD-filmon

Sur iom pli praktika kaj realisma nivelo EEU volas esplori ĉu ĝi povus ricevi subvenciojn de Eŭropa Unio, kolekti faktojn pri lingva diskriminacio en Eŭropo kaj produkti DVD-filmon kun la titolo "Kia povus esti Eŭropo".

## Reklam-parolado dum UK

La ĉefa problemo de EEU, kiel ĉiam, estas la manko de financaj rimedoj. Por kolekti monon por la planata filmo EEU laŭ la decido de la estraro sendos pet-leterojn al multaj esperantistoj. Krome la estraro de EEU decidis, ke "la prezidanto de EEU salutparolu ĉe la malfermo de UEA-kongreso kaj instigu la kongresanojn helpi (samtempe la filmteamo klare signita per apartaj T-ĉemizoj filmados okazadojn dum la kongreso)".

Por la laboro pri la film-projekto, EEU decidis pagi salajron de 500 eŭroj monate al Petro Balaž dum la tuta jaro 2006.

## Ne plena entuziasmo de Corsetti

Por la planata reklam-parolado en la solena inaŭguro de la Universala Kongreso supozeble estos bezonata ankaŭ la aprobo de UEA. Tamen la sinteno de Renato Corsetti al la strebadoj de EEU ne estas plene entuziasma, kiel montras lia reago sendita al pluraj adresoj:

*Dankon pro la protokolo de la estrarkunsido! Mi esperas ke la eŭropaj landaj asocioj, kiuj teorie regas en EEU, neniam malkovros viajn planojn pri EEU.*

Pridemandite, Renato Corsetti klari-

gis ke laŭ li EEU devus pli atenti la landajn asociojn, el kiuj multaj opinias, ke oni ne fondu apartan partion por Esperanto, sed informadu la ekzistantajn. Ankaŭ la desuprismon de EEU Renato Corsetti ŝajnas iom malŝati.

*Persone mi ne kredas je la mirakla povo de ŝtatestro, kiu kunvokas la aliajn eŭropajn ŝtatestrojn por kantigi la himnojn en Esperanto, sed mi kredas pli je la laboro de esperantistoj en ĉiu unuopa lando. Tiun laboron EEU devus kunordigi*, opinias Renato Corsetti.

**LIBERA FOLIO - www.liberafolio.org**

## Wim Jansen reprezentos UEA ĉe Eŭropa Lingva Konsilio

La Estraro de UEA elektis s-ron Wim Jansen, docenton pri interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdamo, kiel konstantan reprezentanton de UEA ĉe la Eŭropa Lingva Konsilio, kies fonda membro UEA estas. Wim Jansen lastatempe partoprenis asembleon de ELK en Bruselo nome de UEA.

# EU-retestro renkontis esperantistojn

**La retestro de la prilingva retejo de la Eŭropa Unio kapitulacis antaŭ la ferocaj atakoj de iritaj esperantistoj. La retejo ne plu asertas, ke artefaritaj lingvoj kiel Esperanto ne havas historion, kulturon aŭ denaskajn parolantojn. La tuta alineo, kiu celis montri kial Esperanto ne taŭgas por uzo en EU, estis forviŝita la 30-an de januaro. La 6-an de februaro la retestro, Robert Rowe, renkontiĝis kun du esperantistaj oficistoj de EU.**

Fine de novembro la Eŭropa Komisiono publikigis unuafoje oficialan komunikon pri multlingveco kaj lingva diverseco. Lige kun tio estis publikigita ankaŭ la nova prilingva retejo de EU.

Piednoto de la oficiala komuniko klarigas, kial Esperanto ne taŭgas por uzo en EU: "Kompreno pri aliaj kulturoj venas per lernado de la lingvoj kiuj ilin esprimas; pro tio la Komisiono ne instigas al uzado de artefaritaj lingvoj, kiuj laŭdifine ne havas kulturajn referencojn."

Similan sintenon reflektas klarigo en la prilingva retejo: "*Kion pri lingvo artefarita? Laŭdifine, tia lingvo estas nenies denaska lingvo, kaj vortoj sen ligo al historio aŭ al viva kulturo ne estas sufiĉe*




http://europa.eu.int/languages/

*precizaj por juraj celoj*."

Tiuj du frazoj klare esprimas oficialajn argumentojn de EU kontraŭ Esperanto, sed samtempe estas klare eraraj. Tial dum la lastaj du monatoj multaj esperantistoj turnis sin al la administrantoj

de la retejo por peti klarigojn aŭ por protesti. Unu el la plej lastatempaj leteroj estis tiu de la usona esperantisto Steven Brewer.

## Lasta guto

Jen la plena traduko de la anglalingva letero de S-ro Brewer, kiu evidente estis la lasta guto en la jam plenega glaso de la EU-retestro:

> *Mi kredas ke estas tre stulta kaj senperspektiva strategio, diskriminacii kontraŭ artefaritaj lingvoj, dirante ke tiuj ne havas denaskajn parolantojn, historion aŭ kulturon. La eldiraĵoj en via retejo tamen estas ne nur stultaj, sed disvastigas falsajn kaj misgvidajn asertojn al la publiko. Inkludante tiujn asertojn, vi montras profundan ignoron flanke de vi mem kaj flanke de la organizaĵo kiun vi reprezentas. (...) Sed kiam Eŭropo provas kontraŭi la lingvan imperiismon de la angla, Esperanto povas esti la sola espero por preventi la detruon de minoritataj lingvoj kaj kulturoj. Vi eble ne povas subteni Esperanton, sed mi kuraĝigas vin almenaŭ resti neŭtrala. Ĉesu disvastigi malicajn kaj falsajn asertojn pri Esperanto. Se vi ne povas fari ion konstruan, almenaŭ ne malutilu.*

## Mencio pri artefarita lingvo forigita

La respondo de la retestro estis simpla, kaj ĉi-foje li decidis ankaŭ malkaŝi sian veran identecon: "*Reage al via retpoŝta letero, ni forigis la mencion pri artefaritaj lingvoj en la respondo al Demando 7 en la paĝo de Oftaj Demandoj de la retejo Eŭropo kaj Lingvoj ĉe la adreso* europa.eu.int/languages/en/document/59 *Dankon pro via kontribuo al la plibonigo de la enhavo en la portalo.*"


*Robert Rowe*
http://europa.eu.int/

La letero estis subskribita de "*Robert Rowe, retestro, portalo Lingvoj kaj Eŭropo, Eŭropa Unio*". Evidente temas pri la sama Robert Rowe, kiu almenaŭ antaŭ la estiĝo de la nova prilingva retejo estis la estro de la retejo de la traduk-sekcio de la Eŭropa Komisiono.

La teksto pri artefaritaj lingvoj malaperis ne nur el la anglalingva versio, sed el ĉiuj diverslingvaj versioj de la "Oftaj Demandoj".

En posta letero s-ro Rowe rakontas ke li mem foje renkontis esperantistojn, kaj eĉ diras, ke li mem devintus lerni Esperanton. Poste li revenas al la forigita tekstero: *Se pripensi, estis malbona ideo ke nia portalo eniru la temaron de konstruitaj lingvoj kaj ilia rolo kiel periloj por kompreno inter kulturoj, ĉar la situacio evidente estas pli malsimpla ol nia dulinia refuto implicis. Ĝuste pro tio ni forprenis la ofendan pecon.*

## Esperantistoj turnu sin aliloken

Li samtempe konsilas, ke esperantistoj devus turni sian atenton aliloken ol al la retejo, por konkrete antaŭenigi la eventualan ekuzon de Esperanto en EU: *Por ke ajna lingvo, ĉu Esperanto aŭ iu alia, estu akceptita kiel oficiala lingvo de la Eŭropa Unio, la proceduro devas*

*esti, ke oni persvadu la aŭtoritatojn de membroŝtato postuli ĝian oficialigon, kaj poste okazigi voĉdonadon pri la propono en la ministra konsilio. Tio lastatempe sukcese okazis pri la irlanda kaj pri pri la regionaj lingvoj de Hispanio. Jen kie la proponantoj de Esperanto devus vere peti la premon.*

Forigante la mencion pri artefaritaj lingvoj, s-ro Rowe kredeble esperis liberiĝi de la ĝenaj leteroj de esperantistoj kiuj plendis pri la erara teksto. Tamen oni povas supozi, ke nun li anstataŭe devos respondadi al demandoj pri tio, kial nenio estas menciita pri Esperanto en la retejo. Nova oficiala respondo al tiu demando certe jam estas preparata de la EU-burokratoj.

## Renkonto kun esperantistoj

Du esperantistaj oficistoj de EU, Brian Moon kaj István Ertl, la 6-an de februaro havis okazon interparoli kun Robert Rowe kaj danki lin pro la forigo de la eraraj frazoj. Rowe agnoskis sin aŭtoro de la koncerna tekstero, siavice denove dankis pro la korekto, kaj diris sin surprizita precipe pro la ekzisto de denaskaj parolantoj de Esperanto, kion li pli frue supozis neeblaĵo.

Moon kaj Ertl aludis ke denaska parolanto de Esperanto, la slovako Pavol Tvarožek, eĉ laboras ĉe EU kiel la estro de la slovakaj tradukistoj ĉe la Eŭropa Parlamento. Ertl diris ke pri la manko de informiteco ĉe EU-funkciuloj pri Esperanto kaj rilataj faktoj iom kulpas ankaŭ esperantistoj mem, kaj ili povus plibonigi sian informan agadon.



Rowe rakontis ke kelkaj el la leteroj esperantistaj senditaj al li estis sufiĉe krudaj, kaj demandis kio ŝajnas doni la "moralan superecon" al esperantistoj kredi ke ili rajtas dikti la lingvan politikon de EU. *Tiaj iniciatoj povas ja veni nur de membroŝtatoj*, li ripetis.

Moon kaj Ertl klopodis klarigi al Rowe ke esperantistoj estas plej diversaj laŭ opinio kaj temperamento, kaj ke diversas ankaŭ iliaj proponoj. Laŭ atentigo de Brian Moon, la sintenon de la esperantistoj povas iel pravigi "*la abisma manko de scio kaj kompreno, kiu evidentiĝis en la forigitaj frazoj*".

**LIBERA FOLIO - www.liberafolio.org**



# 65 a Hispana Esperanto-Kongreso

## EL PUIG (VALENCIO)

**21-25 julio, 2006**

**Kongresejo**:Centro Cultural "LA MARINA". El Puig (Valencia).
Telefono: (96) 1470022

ALIĜILO N-RO .........

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj: ..................................................................................................
Antaŭnomo: .......................................................................................................
Naskiĝdato : ....................................... HEF-numero: ................................
Adreso: .................................................................................................................
.......................................................... Poŝtkodo: ..........................................
Urbo: ........................................................ Telefono: ..................................
Retadreso: .............................................................................................................

| Kongreskotizoj (en eŭroj) | ĝis 31-05-06 | ekde la 1a de junio | surloke |
|---|---|---|---|
| HEF-ano................................... | 25 | 33 | 35 |
| Ne HEF-ano............................... | 30 | 38 | 41 |
| Juna HEF-ano ............................ | 18 | 24 | 28 |
| Juna neHEF-ano ......................... | 22 | 28 | 32 |
| Membro de grupo (pli ol 10-persona) | 20 | 26 | 30 |
| Loĝejo: .................................... | | | |
| Rezervo de la hotelo: .................... | 10 | 10 | 10 |
| Donacon: .................................. | | | |
| ENTUTE: .................................. | | | |

Kotizu pere de Bancaja, Strato Málaga, 37; 46009 Valencia.
Konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la ESPERANTO-KONGRESO
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.
**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**
LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA

Dato kaj subskribo: ..............................................................................................
Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31. ES-46009 Valencia.
Retadreso: augustocasquero@hotmail.com

**65 a Hispana Esperanto-Kongreso**

# MENDILO

**Ĉiu aliĝanto devas plenumi apartan mendilon. Sendu la mendilon kaj la kvitancon de la pago al la Konstanta Adreso: Augusto Casquero de la Cruz. Avenida Burjasot, 29, A-31. 46009 Valencia (Hispanio) kaj la pagon faru al: BANCAJA, Strato Málaga, 37. 46009 Valencia (Hispanio), kontonumero 2077 0069 24 3100702329, KONGRESO DE ESPERANTO.**

# LOĜADO

1 PENSIÓN (Kvar tranoktojn)
Unulita ĉambro : 92 €
Loko en dulita ĉambro: 68 €

2 PENSIÓN-HOTEL (Kvar tranoktojn)
Unulita ĉambro: 96 €
Loko en dulita ĉambro: 88 €
Loko en trilita ĉambro: 80 €

3 HOTEL ** (Kvar tranoktojn)
Unulita ĉambro: 136 €
Loko en dulita ĉambro: 104 €
Loko en trilita ĉambro: 92 €

4 HOTEL *** (Kvar tranoktojn)
Unulita ĉambro: 168 €
Loko en dulita ĉambro: 116 €

**ĈIUJ ĈAMBROJ ENHAVAS BANĈAMBRON KAJ ESTAS KLIMATIZITAJ**

NOMO: LANDO:
ALVENDATO: FORIRDATO: TRANOKTOJN:
MI PAGAS POR LOĜADO: €
MI DEZIRAS DIVIDI ĈAMBRON KUN:

**POST LA 1a DE JULIO LA ORGANIZANTOJ NE GARANTIAS LOĜEJON**